# AFRIKA REVUO

## ENHAVO:



LA SOLA ESPERANTO-GAZETO
APERANTA EN AFRIKO

Aperas monate

3-a JARO (Nova Serio) 10 N°
OCTOBRO 1947

# REDAKCIO kaj ADMINISTRACIO de :

# AFRIKA REVUO

**Maroko, Casablanca, 5, rue Savorgnan de Brazza**

Cef-redaktoro : S-ino Irène Fink. Administranto : Y LEAL.

(Manuskriptoj akceptitaj de la redakcio, fariĝas propraĵo de la revuo. Se la aŭtoro deziras la resendon de neakceptitaj manuskriptoj, li devas aldoni la internacian poŝtan respondkuponon).


●. ——————

PAG-TABELO.

La abonkotizo por unu jaro estas : 7 anglaj ŝilingoj, aŭ 16 internaciaj poŝtaj respondkuponoj aŭ egalvaloro en aliaj valutoj. La monon, se eble, sendu direkte je nomo de nia ĉef-redaktorino. Francaj samideanoj, kiuj posedas poŝtĉekkonton, pagu je nia poŝtĉekkonto No 111.75 en Rabat (Fink). El landoj, el kiuj oni povas sendi nek monon nek respondkuponojn, pagu al ĉefdelegito de U.E.A. en via lando (vidu tabelon kun adresoj de ĉefdelegitoj kaj niaj perantoj en 3 No de A.R. paĝo 30).

LIBRO-SERVO de A. R.

Jen la nova listo de libroj, kiujn vi povas mendi ĉe ni. Ĝi nuliĝas ĉiujn niajn antaŭajn libro-listojn :

| | S. p. |
|---|---|
| ESPERANTO por INFANOJ : Salomon | 2.08 |
| PETRO (lernolibro) | 4.. |
| PRACTICAL COURSE IN ESPERANTO | 2.— |
| STEP BY STEP IN ESPERANTO : Butler | 5.0 |
| SLOSILOJ : Itala, Sud-Afrika po | — 2 |
| Albana, Anglas, Hispana « | — 4 |
| Bulgara, Dane, Franca, Norvega, Svede | — 6 |
| Portugala po | — 6 |
| Finna « | — 8 |
| Araba | — 8 |
| Greka | — 1 |
| EL LA VERDA BIBLIO : Lejzerowicz, bind. | 6.0 |
| ESPERANTISMO : Braga | 1 |
| LA ESPERANTISTA STUDRONDO : Hasle | 1 |
| LA ESPERANTO-KLUBO : Malmgren | 2. |
| GALERIO DE ZAMENHOFOJ : Wiesenfeld | 2.6 |
| KVINDEK JAROJ KUN PAUL NYLEN | 5.0 |
| PER KIO NI AMUZU NIN ? Malmgren | 1.10 |
| VIVO DE ZAMENHOF : Privat, bind. | 8.0 |
| AFISMOJ Forge | 8 — |
| AKBAR : Limburg, bind. | 10. |
| AL TORENTO : Engholm | 4.0 |
| AMO EN LA JARO DEKMIL Ignotus, bind. | 7.6 |
| ANSTATAUA EDZINO : Maxwell bind. | 7.0 |
| BAKSIS : Newell | 8.9 |
| BARBRO KAJ ERIKO : Schneider | 2: |
| BATALO PRI LA DOMO HEIKKILA | 2 — |
| BENGALAJ FABELOJ : Sinha | 2.0 |
| BONHUMORAJ RAKONTOJ | 1.6 |
| CEZARO : Jelušić | 24.0 |
| ĈEĤOSLOVAKA ANTOLOGIO | 30. |
| DE PAGO AL PAGO/TOTSCHE (Bind) | 10. |
| LA DORMANTO VEKIĜAS : Wells, bind. | 7.0 |
| D-ro DORNER : Egerrup | 8.0 |
| DUA RAPSODIO : Szilagyi | 3.6 |
| DU MAJSTRO-NOVELOJ : Storm | 5.0 |
| FANNY : Ferber bind/ | 7.0 |
| FONTAMARA : Silone bind. | 7.6 |
| FORTO DE l'VERO : Adi | 3.0 |
| GAJA KNABO : Björnsen | 1.9 |
| GAJA LEGANTO PER ESPERANTO Schv. | 2.3 |
| GOSTA BERLING : Legerlöf : bind. | 13. — |
| GRANDA AVENTURO : Szilagyi bind | 10.6 |
| HASSE Z. NOVELARO | 3.6 |
| HISPANA TRAGEDIO : Last bind. | 7.0 |
| HOMOJ EN MILITO : Latzko, bind. | 7.0 |
| INFANOJ EN BETLEHEM : Legerlöf | 1.0 |
| IRISIS : Sas | 2.3 |
| JIMMI HIGGINS : Sinlair | 4.0 |
| JOHANO KAJ SILVIO (legolibro) | 1.0 |
| KUDLAGO : la malgranda Eskimo | 1.4 |
| KULIO : Szekely bind. | 7.0 |
| KVARA RAPSODIO : Szilagyi | 3.0 |
| LANDOJ DEI'FANTAZIO : Jung | 7.0 |
| LETEROJ AL JUNA POETO : Munz | 5.0 |
| LONDONANIDOJ : Munns. | 4.6 |
| MARIA KAJ LA GRUPO : Emba | 8.9 |
| MARTENO DRAKE : Norvay bind. | 7.0 |
| MI SERĈIS ORON KAJ OLEON... bind. | 9.0 |
| MONUMENTO DE CARLO BOURLET | 1.6 |
| LA MOREA PERLO : Simson | 2.3 |
| OKAZAS NENIO : Hougaard | 2.0 |
| PALACO DE DANĜERO : Wagnalls, bind. | 8.6 |
| LA NAIVEVO DE PASTRO BROVN, Chesterton, bind. | 7.0 |
| LA PASTRO EN VEJLBYE : Blicher | 2.3 |
| PETROLO : Sinclair ; Vol 1 kaj II po | 7.0 |
| PINOKKIO : Collodi, broŝ. 4. bind | 7.0 |
| PLI OL FANTAZIO H/gsted | 3.9 |
| PREMIAJ ROMANETOJ | 3.6 |
| PRINTEMPO EN AUTUNO : Baghy | 3.0 |
| LA RADIANTA LOTUSO : Degreef | 2.3 |
| RICA KAJ SEN MONO : Oppenheim, bind. | 4.6 |
| LA RINGO DE LA GENERALO | 3.6 |
| SALTEGO TRANS JARMILOJ : Forge | 5.6 |
| LA SENLINGVULO : Kolorenko, bind. | 7.0 |
| SUB LA VITRA KUPOLO | 2.3 |
| SVEDA ANTOLOGIO BIND. | 27.6 |

(daŭrigo en 11 No de A.R.)

AFRIKA REVUO

Esperanto-gazeto por ĉiuj

# LA NOKTO

*Motto Veraj koroj verdaj !!.. ekaŭdu min.*

*Super tomb' de l'Majstro ŝvebas nokt' [profunda.
Rampas en ombraro parodioj vantaj,
Regas nigra nokto je, Mensog'abunda.
Nokto verajn verdajn korojn timiganta...
Sed, sondante nokton per la blindokuloj,
— Tago, tago — vokas la... parodiuloj*

*—Tago, Tago !.. sonas kria vort-allogo,
— Venko !... vokas ies voĉo ironia,
Sed en vokoj tiuj tiom da mensogo
Kaj sensenc'sin kaŝas, kara Majstro mia,
Ke mi ne plu povas... kaj en nokt-nebuloj.
Vokas plena-voĉe — Cesu... per, idoloj*

*Kiel vi kuraĝas krii — Venko ! Tago
Inter rampaj ombroj de la nokt'funebra,
Se ĉi-tiu tago estas nur imago
Kaj nerealaĵo de la cerboj febraj.
Se vi Idealon ŝanĝis je vulgaro,
Kaj Aferon faris... politik-tendaro*

*Kie estas tiu suno verd-radia,
Kaj de ĝi kreata verda tag'eterna.
Se nun verdsteluloj... kia ironio ?
Cesis jam paroli pri Ide' Interna,
Kaj benindajn vortojn — Amo, Homo, Frato...
Nun anstataŭigis per esprim' — Malŝato ? ?*

*Se en esperanta gazetaro ĉie,
Oni nune skribas nur pri l'... politiko.
Kaj samideanon la germanan fie,
Kun malam' titolas — Nia malamiko...
Se Aferon nian enŝteliĝis skismoj,
Plej diversaj « ismoj » kaj idiotismoj ? ?*

*Homoj, kiuj nomas sin samideanoj
Kaj ripetas ĉiam — Ciuj homoj — fratoj,
Pruvas, ke krimuloj estas nur germanoj,
Kaj bonuloj estas nur la demokratoj,
Unuvorte oni faras plu hitlere
Saman hitlerismon... alimaniere !*

*Car forgesis oni, ke krimul' germana,
La krimul' bigota, pure-ateista...
Burĝa, ĉu proleta, portugala, dana...
Tute demokrata kaj duon--faŝista,
Cu loĝanta apud Rejno ĉu Vistulo —
LA KRIMULO RESTAS CIAM NUR KRIMU- [LO ! !*

*Oni redistingas ŝcion de nescio,
Bonon de malbono nur laŭ praktutimo —
Laŭ politikemo, naciec', partio...
Nek laŭ homvaloroj, koro kaj animo,
Unuvorte daŭras al kutim' konforme,
Sama hitlerismo... nur alia-forme ! !*

*Sankta vort « Homamo » iĝis tro banala,
Infanec-naiva « verda utopio
La Ide' Interna — aĵo nereala...
Unuvorte ĉio estas jam nenio,
Nun valoras nure superec' de l'rasoj,
Disputad' pri l' « ismoj » kaj batal' de klasoj !*

*Nun « sinjoron » iun iu « kamarado »
Priesploras ruze per demando ekstra
— Kion do, vi faris dum la... okupado,
Kaj ĉu nun vi estas dekstra aŭ maldekstra ??
Jen « samideano » vera, bonkvalita...
Jen esperantisto nova, postmilita...*

*Super tomb' de l'Majstro nigra nokt' krepus- [kas,
— Tago !... vokas ies voĉoj senkonsciaj,
Inter rampaj ombroj parodi' embuskas
Kaj silente flustras palaj lipoj miaj
Ho, Vi bone faris, kara Majstro mia,
Ke Vi jam foriris for... al mond' alia*

**Eugeniusz Matwiejczuk**

3-a jaro (nova serio) 1947 Oktobro No 10

# DEKDUA ĈAPITRO DE KORANO (1)

*(Tiun koranan ĉapitron tradukis ne-islamano, kiu tamen bone scias, ke la islama ekzegezo konsentas, ke ĉiu vorto el Korano enhavas sepdek malsamajn sencojn, kiujn nur Allah sciipovas. Li do submetas tiun tradukon al la aprobo — aŭ malaprobo — de siaj islamaj samideanoj.*

*La interkrampaj vortoj ne troviĝas en la korana teksto. La tradukinto aldonis ilin por pli bona kompreno).* Trad. L. A.

---

### CAPITRO DE JOZEFO

Paco al li. Revelaciita en Mekko kaj enhavanta cent dek unu paragrafetojn.

---

Per la nomo de Allah, la plej pardonema, la plej kompatema.

1 A. Lo. Ro. 2) Jen estas la signoj de la Libro distingita (Korano).

2 Ni (Allah) malsuprenirigis ĝin (el la ĉielo) arablingve, por ke vi komprenu.

3 Ni tiuj rakontos al vi la plej belan historion el tiuj, kiujn ni revelciis al vi en ĉi tiu Korano, kaj se vi estus vivanta antaŭ ĝi, vi estus ja inter la neglektantoj.

4 Jen diris Jozefo al sia patro : « Ho, mia paĉjo ! mi ja vidis dek unu stelojn kaj la sunon kaj la lunon, mi vidis ilin antaŭ mi adorkliniĝantajn ».

5 (Lia patro) diris : « Ho, mia kara filo ! ne rakontu vian sonĝon al viaj fratoj, ((ĉar) ili insidos kontraŭ vi, ĉar Satano estas, por la homoj, malamikego.

6 Kaj tiele Via Estro (Allah) elektos vin kaj klarigos al vi la signifon de la tradicioj kaj Li penumos Sian gracon sur vin kaj sur la familion de Jakobo, kiel Li jam plenumis ĝin sur viajn du praulojn Abraham kaj Issak. Via Estro estas ja scianta, prudenta.

7 Estas ja en Jozefo kaj liaj fratoj, signoj por tiuj, kiuj demandas.

8 Jen ili (la fratoj de Jozefo) diris « Certe Jozefo kaj lia frato (Benjamino) estas pli karaj al nia patro, ol ni kvankam ni estas pli multnombraj. Nia patro estas ja en evidenta eraro.

9 Mortigu Jozefon (diris unu el la fratoj) aŭ forpelu lin en landon (malproksiman), tiam estos nur por vi la vizaĝo de via patro kaj vi estos poste homoj virtaj.

10 Unu el ili diris « Ne mortigu Jozefon, ĵetu lin en profundan puton, levos lin aro de vojaĝantoj, se vi estas tion farontaj ».

11 (La fratoj de Jozefo) diris « Ho, nia patro ! Kio estas al vi, ke vi ne fidas al ni pri Jozefo, kaj ni estas por li konsilantoj ».

12 « Sendu lin kun ni morgaŭ, por ke li ĝoju kaj sin amuzu kaj ni ja estos liaj protektantoj ».

13 (Jakobo) diris : « Vere malĝojigas min, ke vi foriras kun li, kaj mi timas, ke lupo manĝos lin, kiam vi estos ne atentaj pri li ».

14 Ili diris « Se lupo manĝus lin, kiam ni estas maltnombraj, tiam ni estus ja erarvagantoj (t. e. bedaŭrinde estus, ke ni ne povus lin ŝirmi).

15 Kiam ili ekiris kun li kaj interkonsentis meti lin en profundan put on Ni (Allah) revelaciis (al Jozefo) « (Tagon) vi rakontos al ili ĉi tiun ilian agon, kaj ili (tion) ne suspektas.

16 Kaj ili venis al sia patro vespere, plorante.

17 Ili diris : Ho, nia patro ! ni iris vetkurante kaj ni lasis Jozefon apud niaj aĵoj kaj manĝis lin la lupo. Kaj vi ne kredas nin, kvankam ni estas verdirantaj.

18 Kaj ili alportis lian tunikon (makulitan) per mensoga sango. Diris (Jakobo) « Kontraŭe, viajn animojn sufloris al vi tiun aferon. Pacienco estas necesa, kaj Allah estas tiu, kiun mi humile petegas pri tio, kion vi priskribas.

19 Alvenis aro da vojaĝantoj kaj ili sendis sian akvo-alportanton, kaj ĉi-

tiu malsuprenigis sian sitelon (en la puton) kaj ekkriis : « Bona sciigo ! Jen infano ! « Kaj ili kaŝis lin, kiel komercaĵon. Sed Allah sciis, kion ili faris.
20 Ili vendis lin por malaltega prezo kelkaj arĝentaj moneroj, malalte taksante lian valoron.
21 Diris tiu, kiu aĉetis lin, kaj li estis egipto, al sia edzino « Traktu lin bone, eble li utilos al ni, aŭ ni elektos lin, kiel filon ». Tiele Ni (Allah) starigis Jozefon en Egiptujo kaj klarigis al li la signifon de la faraĵoj. Kaj Allah estas ĉiopova por plenumi Siajn intencojn, sed la plimulto de homoj tion ne scias.
22 Kiam Jozefo viriĝis Ni donis al li saĝon kaj sciencon. Tiele Ni rekompencas la justulojn.
23 Deziregis lin por si la virino, en kies domo li estis. Si fermis la pordojn kaj diris « Venu ĉi tien ! « Jozefo respondis « Allah estu mia rifuĝejo ! Mia Sinjoro (Allah) donis al mi bonan gastiganton. La malbonuloj ne sukcesos.
24 Ili ambaŭ estis tuj cedontaj al la tento, kiam li ekvidis signon de sia Sinjoro. Tiele Ni forigis de li la malbonon kaj la abomenon, ĉar li estis el inter niaj servistoj sinceraj.
25 Ili ambaŭ vetkuris al la pordo, kaj ŝi ŝiris lian tunikon de malantaŭe ; kaj ili renkontis ŝian edzon antaŭ la pordo. Si diris ; « Kion meritas tiu kiu volis senhonorigi vian familion ? almenaŭ malliberejon aŭ terurigan punon !
26 (Jozefo) diris : « Si instigis min ». Diris ĉeestanto el ŝia familio : « Se lia tuniko estas deŝirata de antaŭe, ŝi diris la veron kaj li estas el inter la mensogantoj ».
27 Kaj se lia tuniko estas ŝirita de malantaŭe, ŝi mensogis kaj li estas el inter la verdirantoj ».
28 Kiam (la edzo) vidis, ke lia tuniko estis ŝirita de malentaŭe ; li diris al ŝi : « Tio estas unu el viaj artifikoj. Certe via artifikemo estas grandega ».
29 « Jozefo, lasu tion ! kaj vi (virino) petu pardonon pro via kulpo, ĉar vi estas el inter la kulpantoj ».
30 Diris la virinoj en la urbo : « La edzino de la intendanto deziregis siam junulon, kaj ŝi freneze enamiĝis en lin. Certe ni vidas ŝin en eraro evidenta.
31 Kiam ŝi aŭdis iliajn klaĉojn, ŝi sendis al ili (invitojn), pretigis por ili festenon kaj donis al ĉiu el ili tranĉilon kaj diris al Jozefo : « Venu apud ilin » ! Kiam ili ekvidis lin, ili admiregis lin, vundtranĉis siaj manojn 3) kaj ekkriis : « Dio antaŭsavu nin ! Tio ne estas homo, tio estas nur anĝelo sublima ».
32 (La edzino) diris : « Jen tiu, pro kiu vi mallaŭdis min. Jes, mi deziregis lin kaj li ne konsentis. Sed, se li ne faros, kion mi ordonas al li, certe oni enkarcerigos lin kaj li estos el inter la mizeruloj ».
33 (Jozefo) diris : « Ho, Mia Sinjoro (Allah) ! la malliberejon mi preferas, ol kion petas de mi (ĉi tiuj virinoj), kaj se Vi ne forigos de mi iliajn artifikojn, mi enamiĝos en ilin kaj estos inter la malsaĝuloj ».
34 Aŭdis lin Lia Sinjoro kaj forigis de li iliajn artifikojn. Li estas ja la Aŭdanto, la Scianto.
35 Tamen plaĉis al ili, kvankam ili vidis la pruvojn (de lia senkulpeco), enkarcerigi lin dum kelka tempo.
36 Eniris kun Jozefo en la malliberejon du junuloj. Diris unu el ili : « Mi sonĝis, ke mi premis vinberojn ». Kaj diris la alia : « Mi sonĝis, ke

(daŭrigo je 87 paĝo).

(1) Ci-tie en Maroko la araboj asertas, ke ĉiu islamano, kiu parkere lernigos ĉi tiun koranan ĉapitron al aliulo, tiu iros rekte en Paradizon.

(2) Ci tiuj tri, literoj ne estas klarigeblaj. Tamen kelkaj koranaj komentaristoj opinias, ke ili estas la tri komenc-literoj de la formulo AMARA LI REBBI (t.e. Mia Sinjoro (Allah) ordonis al mi).

(3) Anstataŭ tranĉi la fruktojn, tiel grandega estis ilia admiro pri Josefo.

# INDIĜENA MAROKA INSTRUISTO

de I. F.

Indiĝena instruisto (arabe : fki) estas personaĵo tre impona, li iras de unu vilaĝo al la alia kaj proponas siajn servojn. Li instruas al infanoj kelkajn suratojn (ĉapitrojn) de Korano, kaj kondiĉe ke oni bone pagas li instruas la arton legi kaj skribi la filojn de « nobeluloj » kiam tiuj filoj estas sufiĉe inteligentaj.

La infanoj estas ĉiuj amasigitaj en lerneja klaso tre malklara, poste ili ripetas la sanktajn parolojn ne komprenante ilin, kiujn ilia instruisto ilin instruas ; sufiĉas, ke ili ĝuste kantas, ĉar Korano ne estas elparolata, nur kantata, je sep diversaj manieroj ; prononci Koranon je alia tono, estas sakrilegio.

Depost frua mateno lernejo « zumas » ; la monotoneco de paroloj estas interrompitaj per intertranĉitaj plorĝemoj de neatentaj infanoj, kiuj estis batitaj de instruisto.

Vespere post la lernado, infanoj elparolas la preĝon, kiu estas kanto, kaj foriras, malpaciencaj jam, iom amuziĝi kaj eviti la batadon de la instruisto, kiu estas speciale severa por tiuj, kiujn li ne amas.

Post la lernejtago, fki, skribas leterojn de caid (ĉefo de tuta regiono) kaj tiujn de vilaĝanoj, kiuj bone pagas, ĉar en vilaĝoj, la homoj plejparte ne scipovas legi nek skribi.

Vi komprenas do la gravan signifon, kiun posedas tiu homo, kiu scipovas Koranon, scias la leĝojn, kaj kiu scias legi leterojn alvenintajn kaj skribas tiujn, kiuj devas esti forsenditaj.

Tiu instruisto, kiu venis, oni generale ne scias de kie, — estas de ĉiuj respektata, oni alportas al li donacojn, li rajtas eniri ĉiujn hejmojn, ĉar li estas ankaŭ samtempe « kuracisto ».

Kabalaj signoj, skribitaj surpapere, malgranda « saketo » kien li metas herbojn, kuracas kaj sanigas ĉiujn malsanojn.

Amuleto pendigita ĉe kolo, donas fekondecon al virino.

Fki, scias ĉion, oni aŭskultas liajn dirojn sendiskute, kaj kiam foje liaj rimedoj, ne sanigas, oni nenion riproĉas al li, estas Mulana (Dio) kiu en tiu kazo ne volis sanigi la pacienton.

Instruisto indiĝena, laŭ lia diro, faris siajn studojn en iu urbo, oni ne scias en kiu, sed plejparte li pasigis pluajn jarojn en iu abatejo indiĝena je la montaro.

Tie malproksime de ĉiu malpura kontakto, li ellernas kufismon, (doktrino de ĉastaj, mistikuloj de Islam) kaj la sorĉistpraktikon, li ricevas lecionojn de rigidaj profesoroj de Korano, kiuj parolas pri la sankta milito, kaj instruas la malamon al malfideluloj (ne islamanoj).

Kaj tagon li foriras, kun, kiel bagaĝo malgranda saketo tola, kie troviĝas « rozario », preĝolibro, libro kun magiaj formuloj, kaj milo da diversaj aĵoj, necesaj por lia metio.

Tagon, li atingas iun vilaĝon kaj luas sin por unu jaro. Dek mezurojn da hordeo, dek mezurojn da tritiko, lakto kaj kvin durojn (maroka mono), jen lia modesta salajro.

Sed kiom da aliaj profitoj li esperas atingi !...

Do, li eniras malgrandan tendon, kiu troviĝas je la centro de Douar (vilaĝo) ĝi estas lernejo kaj moskeo samtempe, kiun meniu sakrilegio atingas, eĉ dum militoj inter triboj, ĝi estas neniam prirabita nek bruligita.

La kapuĉo de burnuso tirita sur okulojn, fki aspektas, kiel li dezirus kaŝi sin kontraŭ la rigardo de fremdulo, kiu vizitas la vilaĝon ; sed li ne forgesas sendi infanojn por saluti oficiron de administracio, kiu venas fari inspektadon, kaj peti la almozon por ilia instruisto.

Generale, la Fkilojestas hipokritaj, mensogemaj, kaŝinklinaj, danĝeraj.

# AFRIKO SUR POŜTMARKOJ

Multfoje la filatelistoj estis antaŭ grava problemo. Car la poŝtmarkoj estas pli kaj pli multnombraj, ĝenerala kolekto ne plu estas ebla al multaj. Necesas do elekti inter la landoj, inter la temoj de la poŝtmarkoj. Tre certe vi devis solvi la problemon ; ĉu vi pensis starigi kolekton de la afrikaj poŝtmarkoj, nur afrikaj ? Car jen tre interesa kolekto, kelkaj estas ordinaraj, certe, sed multaj estas ne ordinaraj kaj eldonitaj je malgranda kvanto. Oni povus, eĉ, preskaŭ diri, ke Afriko estas la benata tero de la poŝtajoj. Kiu povus trafi sufiĉe plenan afrikan kolekton de la poŝtmarkoj, kaj de la poŝtstampoj ? Perfekteco ne estas, sed celante ĝin, ni povas trafi interesan kolekton, kiu samtempe instruos vin pri la Nigra Kontinento banata de la sunradioj.

Le franca gazeto **Le Timbre** reproduktas artikolon el **Miroir Philatélique** (Auxerre, Francujo) kiu priskribas tri poŝtstampojn el Mayumba (Franca Ekvatoria Afriko) kiuj estis fabrikitaj de oficiro de la Francaj Liberaj Fortoj kiam li okupis Mayumba'n en 1940. La plej apuda urbo kie estas poŝtejo estas Pointe Noire (je 300 kilometroj !). La leteroj estis portataj al Pointe Noire piede, kaj ili ricevis stampon « Pediposte » kiu signifas piedpoŝto, sed eĉ la vorto ne estas el la franca akademio ! kiam la leteroj povis iri per aviadilo ili ricevis la stampon « Aviposte », aerpoŝto, ĉiam la vorto ne estas oficiala laŭ la ordinara franca lingvo, sed la spaco estis limigata ; la stampoj estis ilustataj. Se oni studus tiajn aferojn sur Afrika kontinento oni trovus certe interesajn kovertojn. Eble niaj legantoj povos indiki al ni kelkajn ?

En venontaj artikoloj, ni vizitos Afrikon, en nia brakseĝo, ne timu, la vojaĝo ne estos laciga, kaj ne kara. Ni vizitos monumentojn, bestojn, homojn, industriojn, ktp. car ĉio estas sur poŝtmarkoj, kaj fariĝos al ni konata la Nigra Kontinento.... kaj mi estas certa ke poste vi deziros havi tiujn poŝtmarkojn, per kiuj vi povos refari la mirindan vojaĝon el nordo suden tra ekvatora linio. Kiel vi deziros scii pli ol ni diros vi esploros la librojn kiuj parolas pri tiu-ĉi kontinento, se vi ne povas esplori persone la landojn kaj la homojn...

...kaj Afriko dankos vin !

Delrio.

---

(Dekdua ĉapitro de Korano) daŭrigo el 85 paĝo)

mi portis sur mia kapo panon, kiun la birdoj manĝis ». Klarigu al ni tiujn sonĝojn, ĉar ni vidis ke vi estas el inter la virtuloj ».

37 Oni ankoraŭ ne alportos al vi vian kutiman nutrajon, kaj mi estos klariginta al vi (viajn sonĝojn) antaŭ ol ili realiĝos. Tion lernigis al mi Mia Sinjoro. Mi forlasis la religion de tiuj, kiuj ne kredas je Dio, kaj kiuj neas la postmortan vivon.

38 Mi observis la religion de miaj prauloj : Abraham, Issak kaj Jakob. Al ni ne estas permesite kunigi Dion kun io ajn. (Tiun religion) ni ŝuldas al la favoro de Dio al ni kaj al la homoj. Sed la plimulto de la homoj ne estas dankemaj.

39 Ho, miaj du kunuloj, en la malliberejo ! Cu multaj dioj pli valoras ol Dio, la Ciopova ?

40 Kion vi adoras flanke de Li, tio estas nur vantaj nomoj, kiujn vi kaj viaj patroj imagis. Dio ne mulsuprenirigis (el la ĉielo) por ili konfirmajn pruvojn. Li ordonis, ke vi adoru nur Lin. Tia estas la verega religio sed la plimulto de la homoj tion ne scias.

Daŭrigota).

---

DUM VOJAGO, (sendis Bayard)

Hieraŭ mi veturis en trajno, kaj en mia kupeo la dormanta angla vojaĝanto, metis piedojn sur miajn genuojn.

— Nu, kial vi ne vekis lin ?

— Mi ne povis, ĉar mi ne scipovas paroli angle...

# SUDAFRIKO

Antaŭ la prijuĝo de la sudafrika problemo, estas necese kompreni ĝian unikan enloĝantar-problemon. En la Sudafrika Unio estas nun ĉirkaŭ 2.300.000 blankuloj. Ĉirkaŭ 60 procentoj estas Afrikaanse (nederlande) parolantaj kaj 40 procentoj angle parolantaj. Kontraŭe ekzistas 7.7 milionoj da Bantuoj, 900.000 « koloraj » enloĝantoj, ĉefe de miksita malaja, hotentota kaj blanka originoj, kaj ĉirkaŭ 280.000 hindoj. Pli ol tio, la blanka enloĝantaro pendas je la fino de la vasta nigra kontinento, kiu entenas eble 150.000.000 da personoj de Negraj, Bantuaj, kaj Hamitaj rasoj.

La Unio reprezentas fakte unikan kazon de eksperimento en formiĝo de komuna socio de Europaj kaj Afrikaj rasoj. La blankaj, nigraj kaj koloraj rasoj pligrandiĝas laŭ la lastaj statistikoj relative en la sama proporcio. La hindoj pligrandiĝas konsiderinde pli rapide. Supozu do, ke la enloĝantaro duobliĝus en la proksimaj 40 aŭ 50 jaroj, tiam estus ĉirkaŭ 4.6 milionoj da blankuloj kontraŭ ĉirkaŭ 17 milionoj da nigraj, koloraj kaj Azianoj.

Ĉi tiu bildo verŝajne ne ŝanĝiĝos per larĝa blanka enmigrado, ĉar la ekzisto de la indiĝena enloĝantaro prezentas tute definitivan obstaklon. La tuta sudafrika ekonomio baziĝas je malmultekosta indiĝena laboro. Ne estas nur, ke ĝenerala interrilato inter la blankaj kaj nigraj rasoj, kaj la kolorbarajo, kiu ekzitas aŭ laŭleĝe au de facto » en ĉiuj krom farmaj aŭ hejmaj servoj, malebligas al la blankaj enmigrantoj labori je la sama nivelo kaj en la sama okupo kiel la indiĝenoj. Ĉiuokaze, la tre malaltaj salajroj pagitaj al ne-sperta indiĝena laboristo neniam fiksus minimuman vivtenon por blankaj Eŭropanoj. Blanka enmigrado estos do limigota al tiuj, kiuj povas esti farmistoj, kontrolistoj, spertaj laboristoj, butikistoj, oficialuloj-ĉio fakte krom nespertaj laboristoj. Ĝi estas, senduba fakto, kiun estontaj enmigrantoj devas ĉiam pripensi.

Neniu homo povas antaŭdiri kiel finevoluiĝos la rilatoj inter la Eŭropaj kaj Bantuo-rasoj. Neniu povas diri, kio estas la denaska kapablo de la Bantuo. Kelkaj spertaj juĝistoj asertas, ke lia inteligenteco ne estas pli malgranda ol tiu de la Eŭropano. Aliaj malsamopinias. Unu alta aŭtoritatulo post longjara viv-sperto kun la Bantuoj en pacaj kaj militaj tempoj, diris « Ŝajnas, ke estas iu kaŭzo kial Bantuoj neniam inventis alfabeton au transprenis ideon de alfabeto de rasoj, kiuj posedas ĝin kaj kun kiuj ili interrilatis, ke ili neniam evoluigis skribadon, neniam uzis veturilon aŭ lernis iujn manierojn de ŝarĝportado escepte sur siaj kapoj. Aspektas ke io mankas al ili ».

Kia ajn estas ilia kapablo por progreso, tio estas certa, ke la Bantuoraso estas plena de elasteco, energio kaj sereno kaj ĝi posedas rimarkindan kapablon kontraŭstari la blankulan civilizacion. La ruĝa Indiano, la Buŝmano, la Hotentoto submetiĝas, sed ne la Bantuo. Kio ŝajnas ankaŭ certa estas, ke la Bantuo estas tre lernkapabla kaj adaptiĝas al multaj aŭtomataj, ripetiĝantaj procezoj de moderna industrio. Same kiel la usona negro, li estas de la naturo gaja, senzorga, vivas por la tago kaj lasas la morgaŭon zorgi por si mem.

Sed la fundamentaĵo estas kompreni, ke la inter-geedziĝo inter Eŭropano kaj Bantuano estas leĝe malpermesata. Se ne devas okazi inter-geedziĝo; tiam ekaperas diversaj aliaj konsekvencoj. Fakte ne estos iu socia interrilato. Ekzistos du rasoj, vivantaj socie tute aparte, la pli alta kaj pli malalta, iliaj sociaj rilatoj determinataj per io simila al kastsistemo. Spite de tio, ambaŭ rasoj restos ekonomie necesaj unuj al la aliaj. Ili devas ĉiutage kune labori por evoluigi la landon kaj vivteni sin kaj transformi la civilizacion, je kies kreo ili kunokupiĝas. Se la blankulo malaperus, la Bantuo refalus en la sovaĝecon. Generale parolante, estas du pens-skoloj en Sudafriko rilate al la indiĝena politiko. Unu favoras subpremon kaj « tenon de la indiĝeno en sia loko », aŭ izoligo, kiu estas ne-praktika. Subpremo devas memkompreneble konduki finfine al eksplodo. La alia skolo favoras justan traktadon de la indiĝeno, por doni al li la oportunecojn evoluigi siajn denaskajn kapablojn. La pli liberala kredo faras lasttempe pli grandajn progresojn.

Estus nature konjekti, ke la bedaŭrinda pozicio de la blankaj rasoj ĉe la pinto de granda nigra kontinento influus ilin forigi siajn « naciistajn » kverelojn. Sed tiel ne estas. Forta sekcio de Buroj, Nederlandanoj, aŭ kiel ili preferas esti nomataj. Afrikanda popolo, kontinuas akcenti sian ekstreman kaj malvastan naciismon.

Ekzistas malgranda diferenco aŭ rasa aŭ religia au ĝeneralaspekta inter angle kaj afrikaanse parolantaj enloĝantoj. Persona malàmikeco ne ekzistas kaj inter-geedziĝo estas generala kaj laŭ onidiro eĉ pli ĝeneraliĝas. Spite de tio, la politikistoj, la predikistoj de la Nederlanda Reformita Eklezio kaj la Afrikandaj profesoroj ĉe tiaj universitatoj kiel Pretorio faras ĉion en sia povo por instigi senton inter la du rasoj, sekve de sia naciista idealo. Ili havas grandegan kaj ne malnaturan fieron pri la historio de la nederlanda raso en Sudafriko kaj pri la buraj atingaĵoj dum la 1899-1902 milito. Estas tamentinde, ke ili faras tion kiel bazon de sia malvasta kaj sekcia sento.

En unu direkto estas la Afrikandaj naciistoj tre bonsukcesaj. Antaŭ 40 jaroj la lingvoj uzitaj en Sudafriko estis angla, parolita de britaj enloĝantoj, « Altnederlanda parolita de la edukitaj nederlandaj Sudafrikanoj, kaj la « Taal » estis esprimoplena lingvo, sed havis, laŭ ĉiama onidiro nur 500 vortojn. Angla kaj « Altnederlanda » lingvoj estis la du oficialaj lingvoj en la 1909 Konstitucio. Depost kiam la Nederlandaj entuziasmuloj, profesoroj kaj aliaj decidis krei el la « taal » propran lingvon, ion inter la « Taal » kaj « Altnederlanda Afrikaans, kiel nova lingvo estas nomata, anstataŭigis « Alt-nederlandan « kaj estas nun, kiel la angla lingvo, unu el la du oficialaj lingvoj de la Unio.

La vasta uzo de la Afrikaansa lingvo estas unu el la plej grandaj ŝangoj en Sudafriko. 75 % el la parlamentparoladoj estas nun farataj en Afrikaans lingvo. Tial Sudafriko estos nun kiel Kanado turmentota per la uzo de du lingvoj.

Kelkaj, kredas, ke ĉe la fino, la du-lingveco helpos al unueco. Nur la tempo povas jesi aŭ nei tion. Sed nuntempe oni havas la impreson, ke la du-lingveco estos granda separiga faktoro de la du blankaj rasoj. Kvankam multàj libroj, ĉefe tradukaĵoj estas publikigataj en la Afrikaansa lingvo, kaj kvankam ĝi pliboniĝas dum la tuta tempo, ĝi memkompreneble ne povas komparigi kun la grandaj kulturaj mondlingvoj. Sed en Sudafriko, la Afrikaansa lingvo venis por resti kaj oni devas fari de ĝi la plej bonan uzon. Kiel Europo, Sudafriko, kun sia multlingveco estas antaŭdestinita por la propagando de Esperanto. En la neceseco por komuna Unia lingvo, Esperanto kiel helplingvo, povas apud la naciaj lingvoj montri sian grandan valoron. Fakte, la ideo de internacia lingvo montri sian grandan valoron. Fakte, la ideo de internacia lingvo kiel Esperanto, super la naciaj lingvoj kaj ne malaltigante ties individuan allogon, sed konservante ties edukan valoron, estas analoga al la ideo de Sudafrika Unio, kiu etendigas kiel tegmento super naciaj aŭtonomioj, kaj kiu per la bonfaroj donotaj, pli ol kompensos por la rezigno de la dubaj avantaĝoj rezultantaj el la konfliktantaj naciaj kvereloj en Sudafriko.

D-ro A. MILDWURF.

---

## RIDU

Bela Virino ĉirkaŭ kvardekjara, troviĝante en haveno ekaŭdas, admirekkrion kaj rimarkas junan mariston direktiĝantan en ŝian direkton, « batalpreta ». Tio ekamuzis ŝin, do flatita, ŝi diras « O, etulo, vi ne flirtos kun mi, mi estas jam avino ».

« O, avino », respondas la maristo tute ne malkuraĝigita, « kiel grandajn okulojn vi havas ! ! ! » I. F.

— Kelnero, tiu kokido certe estas almenaŭ 15-jara !

— O, sinjoro, kiel vi povas juĝi pri ĝia aĝo ?

— Per dentoj !

— Kion ? Kokido ne havas dentojn !

— Ne, sed mi havas !

# ISABELO LA AFRIKANINO

*Kiam mi aŭdas paroli pri Nordafriko, ĉiam revenas al mia memoro la bela figuro de Isabelle Eberhardt, tiu kuraĝoplena virino kiu mortis tiel tragedie kaj sindoneme.*

*Mi ne konis ŝin persone, ĉar kiam mi aŭdis pri ŝi, ŝi jam forlasis la teron. Estante juna oficisto mi deĵoris kun alĝeria poeto nomata Pelaz. Li ofte parolis al mi pri la bela Nordafriko kie li naskiĝis, kaj ĉiam oni sentis en liaj paroloj la sopirojn al lia nasklando ! Poeto, li sciis revivigi la varman sunon de la Mediteraneo ĉe la Orana golfeto, kaj ĉe la kvazaŭperditaj lokoj apuddezertaj. Li parolis al mi ofte de la verkistoj Lecocq kaj Hagel, kaj pri la origino de kelkaj el iliaj verkoj li parolis ofte ankoraŭ pri Louis Bertrand, la fame konata franca verkisto kiu kantis la Nordafrikon. Sed kiam li parolis pri Isabelle Eberhardt oni sentis ke li havis por ŝia memoro plenan admirecon. Tiele mi estis kondukita legi Dans l'ombre chaude de l'Islam » (En la varma ombro de Islamo) kaj « Notes de Route » (Vojnotoj) de tiu verkistino.*

*Kaj depost tiam Isabela la Afrikanino, kiel oni povas nomi ŝin, restadis, restadas en mia memoro, certe por ĉiam, kaj kiel mia amika poeto Pelaz, mi ne povas paroli pri ŝi, sen esti admiroplena.*

*Legante ŝin, mi komprenis kial tiu-ĉi francino instruita en Genève, kaj kies religio estis Islama estas kapablo plenigi nin je la plej altaj sentoj. Necesas legi tiujn librojn tre simple verkitajn, sed kies simpleco estas grandioza, por plene kompreni samtempe la belecon de tiuj paĝoj kaj la belecon de la virina animo de Isabelo. Ne estas nur la ĉieloj, la sabloj, la rokoj, la oazoj de Afriko de l'Nordo kiuj estas priskribitaj en ili, sed la animo mem de Islamo kiun ŝi plene komprenis.*

*Isabelle Eberhardt estis jurnalistino en Orano, kaj tiele ŝi vojaĝis multe sed ne kiel eŭropa virineto. efektive ŝi vestiĝis kiel indiĝenaj viroj kaj iris karavane al sudaj lokoj, loĝante en la karavanejoj tute same kiel tiuj homoj kiuj trapasas la senfinajn dezertojn ; ŝi vivis kiel ili, preĝis kiel ili kaj estis plene dronita en Islamismo. En ŝiaj verkoj, ŝi ne profetas, ŝi ne celas diri kial ŝi islamiĝis, ne, tute ne, ŝi rakontas sian vivon, kaj la vivon de siaj kunuloj, simple, nature, sen celi grandigi nek ŝin, nek la islamaron. Kaj certe la grandioza sento kiu eliras el ŝiaj verkoj havas, kiel firman fundamenton, tiun simplecon.*

*Fine, ŝi edziniĝis kun suboficiro indiĝena, kaj okaze de grava superakvigo kiu detruis ĉion antaŭ si, ŝi pereis penante savi sian edzon prenitan de la akvofluo. Ŝi mortis simple, kiel ŝi vivis, simple sed sindoneme.... grandioze sen fanfaroni. Ŝia sintenado antaŭ la ĉiutaga vivo, antaŭ la morto donas al tiu-ĉi virino specialan rajton al admiro.*

*Necesas legi ŝiajn verkojn por kompreni la profundan poezion de la nomada vivo meze de l'blekado de l'kameloj ĉe la haltejo, la poezion de tiuj lokoj banataj de la sunradioj, de tiuj oazoj kun la ombro de la palmoj. La paroladoj, la vesperoj de la religiaj festotagoj, ĉio vivas en tiuj paĝoj. La vizitoj al la kleruloj kiuj meditas la Koranon, malapude suden estas kvazaŭ spiritbanoj.*

*Jus antaŭmilite oni ludis en Parizo teatraĵon « Isabelle d'Afrique » verkitan de du virinoj Constance Coline kaj Lucienne Favre, celante revivigi Isabelon. Estas, oni asertas, la unua fojo ke du virinoj kunlaboras por verki teatraĵon en la franca literaturo, feliĉe estis por honori virinon eksterordinaran.*

*Isabelo havas amikojn kiuj senmortigas ŝin kaj restas fidelaj al ŝia sintenado. Ŝi estis ponto inter du mondoj, bedaŭrinde ŝia voĉo foriris tro frue, ĝi ne havis la tempon ampleksi ĝis tia grado ke anstataŭ malamo, amo okazu ! virinon kiu sciis tiel plene ami kaj kompreni. Aŭdu ŝian voĉon !*

*Ni, kiuj celas esti pontoj inter la homoj diversrasaj, ni devas honori tiun virinon kiu sciis tiel plene ami kaj kompreni. Aŭdu ŝian voĉon.*

Robert FILLIATRE

# LA TAGO DE FATIMA

Oni ne devas demandi la Fatima kion ŝi faras dumtage, Si unuiĝas neniam. Cetere la plej malgranda laboro, la plej eta okupo, daŭras horojn, kiel por plezuriĝi.

Do, trinki tason de teo, depost ke oni vin ĝin oferas, ĝis la momento kiam vi vin levas por foriri, tio forprenas almenaŭ du horojn.

Kaj krome, ekzistas la najbarinoj, kiu venas por babili, rakonti la novaĵojn, kaj speciale aŭskulti pri ili. Cio estas aŭskultebla, ĉiu faro, eĉ la plej malgrava, kaŭzas longajn komentariojn. Eta bagateleto en la urbo, eta kompreneraro timigas la loĝantoj de Fez. Car fezanoj ekzemple, ne estas batalema popolo ; oni siatempe nomis ilin « blankaj kokinoj ».

Fatima ŝategas kanti. Car ŝi estas ofte sufiĉe malhumila, ŝi invitas amikinojn nekuraĝajn aŭ malpli bonajn kantistinojn. Do, ŝi kiu eldiras la parolojn laŭtege, kaj estas ŝi kiu sekvigas aliajn, kiuj havas malpli bonan memoron aŭ kies voĉoj senfortiĝas, kaj fine, estas ĉiam ŝi, kiu frapas la taridja'n (tamburo indiĝena) por montri la ritmon.

Taridja estas nepre necesa instrumento. En ĉiu hejmo estas almenaŭ du aŭ tri. Ni povas ĝin kompari al vazo, kies fono estus farita el haŭto de tamburo kiun oni frapas perfingre.

Dum kelkaj festoj, kiam oni promenas proksime de la urbo, sur la altaĵo, grandega bruo aŭdiĝas, ĉar en ĉiu domo oni amuziĝas kaj helpe de tiu instrumento malmultekosta oni festas ĝojelmontrojn, kiu a estas ankaŭ tre facile utiligita.

Tamen, la pli grandaj spertuloj, scipovas eltiri sonojn, pli ĝuste rulbruon, tamburfrapadon, kiu akordiĝas kun kantoj, kaj tio rememorigas tiujn virtuozojn de foiro, kiuj faras la muzikon per tamburo.

Ekzistas ankaŭ aliaj instrumentoj de muziko : violono, gitaro, mandolino, « rebab », kiuj estas utiligataj per virorkestroj, inter kiuj kelkaj muzikistoj estas tre lertaj, malgraŭ, ke ili neniam studis la muzikon ; ili ludas violonon per maniero eksterkutima. La muzikanto kaŭranta (piedsidanta) tenas la violonon metitan rekte sur genuoj, kaj li ĝin turnas por prezenti la muzikkordojn laŭvice al arĉo, kiu estas kurba, kiel tiu de violo.

Tiamaniere la maniero de sidiĝo aliecigas ĉion, la altecon de fenestroj la altecon de mebloj, la muzikinstrumentojn kaj tutan ilian vivon.

Irêne FINK.

# LA VESPERIĜO

La vespero, iom antaŭ la krepuskiĝo, la vespero en la urbo, la vespero, por nizoj Ili survolas la domojn sub la ĉielo, super la domoj, kies blankeco, neniiĝas en la ombro, ili sekvadas sin kaj ŝajnigas kuri post nefiniĝanta ludo.

Grandnombregaj, ilia amaso tamen malpliiĝas, kiam alproksimiĝas momento de noktripozo. Kaj dum la muezinoj, kunvokas fidelulojn al preĝo de krepusko mi vidas plu nenion, tiom mia animo konfuzetas pro la beleco de ĉio.

Tiu granda urbo de Fez, kiu vualiĝas, tremetigas sian vivon per tia fortego, ke oni estas ekkaptita per ĝia grandeco, de ĝia maljunegeco, de ĝia beleco.

La arboj de gardenoj inkliniĝas ete sub la malvarmeta vento vespera kaj kelkaj rebriloj de pala argento brilas sur poplofolioj.

Je supro de moskeoj, blanka standardo, kiu klakis en vento, mallevetas sin, sur la terasoj la virinoj kubutiĝas. Kaj, ŝajnas, ke ĉio trankviliĝas por aŭdi la alvokon de iman (moskeo gardanto), la alvokoj solenaj kaj senfinaj, kiuj miksiĝas, kiuj ligiĝas de unu ekstremaĵo al alia de la urbo : « Dio estas la plej granda ».

I. REVO.

# PRI JAMBOREO DE LA PACO

de L. Rodo

*Sur la ebenaĵo de Moisson, malgranda vilaĝeto je 50 kolometrojn for de Parizo, inter Mantes kaj Vernon, ĵus finiĝis la sesa monda Jamboreo de la Paco.*

*En bela pinarbaro, 40.000 da knaboj el ĉiuj partoj de l'mondo, kolektiĝis en diversaj bele kaj bone organizitaj kampoj.*

*Ili ĝuis, tiun jaron, idealan varman someron, nekutiman ĉe la bordo de la rivero Seine.*

*Kiel sciate, la devizo de tiu movado estas « Estu preta » ! Tio estas, estu disponebla, estu preparita, sed por kio ? por la milito aŭ por la paco ? Ne estas klarigite !*

*Skolto devas amikiĝi kun ĉiuj samuloj, sendepende al kiu ajn kredo, klaso, raso aŭ popolo ili apartenas, li devas do fratiĝi kun ĉiu alia skolto sendistingé. Sed kiel amikiĝi, se oni ne povas sin interkompreni ?*

*La gazetaro longe priskribis tiun grandegan renkontejon kaj ĝi alludis la konfuzon de lingvoj en tiu nova turo de Babel. Preskaŭ ĉiuj gazetoj mokettis aŭ sercis pri la klopodoj de tiuj junuloj por provi sin komprenigi.*

*La New York Herald Tribune (9.8.47) skribas : En ĉiu el la grupoj ĉie vagantaj, irante al vendejo, ne estis malofte vidi, du, tri aŭ kvar naciecojn kune ridante pro sia proembaraso por paroli per fuŝlingvaĉo aŭ gestoj.*

*En « NORMANDIE » (12.8.47) mi legas « Apud la enirejo de la normanda tendaro, du libanoj penas kiel eble plej bone konversacii kun du danoj, sed la malfacileco superas ilian bonvolon. Alvenas grupo de Hungaroj kaj du malgrandaj marokanoj, kies la pliaĝa ne ŝajnas esti pli ol dekjara, ĉar malgraŭ ĉio, oni ne komprenas sin, ili fine alvokas la helpon de la desegno, por anstataŭi la formankantan lingvon.*

*THE MANCHESTER GUARDIAN WEEKLY (21.8.47) komunikas : En amuza konfuzo aŭ ordema malordo, la kampoj miksiĝas unu kun alia, sekve iliaj okupantoj enŝovas sin tra la aliaj tendaroj ekprovante komprenigi sin, per iu mima Esperanto, tie, kie ne ekzistas komuna lingvo. Vere ĉi tie la nacioj estas unuigitaj.*

*Estas nur en la pariza ĵurnalo « FRANC-TIREUR » skribita., ke mi trovis tre dis kretan aludon al Esperanto : Sed, se la » ci-diro estas familiare ĉarma,, tamen necesas nun ĝin en la lingvo de sia kunparolanto. Pro la multeco de lingvoj parolataj en Moisson, estis normale, le okaze de la malfermo de la Jamboreo, li unua Kongreso estu tiu de esperantistaj skoltoj. Mi ŝarĝveturiloj ornamitaj per verdaj flagoj, alkondukis nombrajn esperantistojn el Normandio, Pas-de-Calais kaj Languedoc ». Kun aŭ sen Esperanto oni sin moviĝas kiel eble plej bone, pli speciale jam ekprovata depost la ŝtonaĝo.*

*Mi esperas, ke la esperantista gazetaro plidetale raportos pri tiu esperanta kunveneto. Estas iom strange, ke neniu pripensis lernigi al ĉiuj junaj skoltoj, nian facilan helpan lingvon. Sed, post ĉio, ĉu tiu monda movado estas tiom pacifista, kiom oni volas kredigi nin ? Ĉu ĝi ne kaŝas preparadon al militista ekzercado kaj servo ?*

En Aŭgusto 1947.

*LETERO de SKOLTO MAROKA kiu ĵus revenis el Jamboreo.*

*Deziraute partopreni Jamboreon en Moisson, mi aliĝis al E.-kurso, tri monatoj antaŭ la foriro. En julio mi jam atingis sesan lecionon. Mi ne povis partopreni regule la kurson, ĉar mi laboras tutan tagon en apotekejo (ĝis la sepa kaj duonon vespere). Plie mi loĝas tre malproksime de E.-kursejo.*

*Post alveno al Francujo, mi faris kelkajn ekskursojn (mi venis la unuan fojon al tiu lando), kiuj admiregigis min, antaŭ ol foriri al Jamboreo. Bedaŭrinde, estis al mi tute maleble partopreni Esp. skoltan kongreson, ĉar mi ekscits pri ĝi tro malfrue, kaj ne plu povis adaptiĝi al nova programo. Sed... sekvantan tagon mi estis rekompencita, pro la vizito de s-ino Houdebim, norvega esperantistino, kiu ne komprenas unu vorton francan. Ni marokanoj, invitis ŝin manĝi kun ni, kaj malgraŭ miaj nur ses lecionoj de E. mi sukcesis min komprenigi kaj eĉ diskuti kun tiu sinjorino, kiu estis ĝoja, ke Esperanto estas propagandata en Maroko. Mi estas vere kontenta, ekkoni tu Francujon kaj speciale povi paroli kun esperantistoj eksterlandaj, nur post sekvo de kelkaj lecionoj. Sekve, mi estas firme decidita eklerni ĝisfunde la karan lingvon.*

*Namisch*

# POSTKONGRESAJ IMPRESOJ EN LETERA FORMO

Château de Belmont, la 16-an de sep. 1947.

Al sinjorino I. Fink, Cefredaktorino de « A. R. en Casablanca ».

Tre Estimata Samideanino !

Depost du monatoj nur unu poŝtkarton mi sendis al vi el Berno, okaze de 32-a U.K. Pardonon mi petas, ĉar efektive dum tiu tempo mi estis ĉiam vojaĝanta, aŭ okupata. Per aparta poŝto mi sendas al vi svisan germanlingvan jurnalon kiu esperantlingve raportis pri la fino de 32-a kun multaj ilustraĵoj. Kion aldoni rilate la kongreson ? Multnombraj E.-gazetoj pli bone ol mi informos vin pri tio. Mi nur deziras komuniki al vi kelkajn el miaj impresoj, atendante, ke post mia alveno al Kazablanka, mi persone raportos pri ĝi.

Estis por mi vera revelacio, tiu U.K., kiu por mi estis la unua E.-internacia renkontiĝo. Preskaŭ 1400 partoprenintoj 34 nacioj ; plezurego interrilati kun gesamideanoj diverslandaj, ilin kompreni kaj min komprenigi al ili. Kunvenoj, ekskursoj, prelegoj, filmoj, balo, koncerto, fakaj kunsidoj ktp. ktp... Cio estis perfekte organizita ; — efektivigo de I.E.L. — U.E.A. unuiĝo:

Ciutage dum la kongressemajno okazis perradia raporto pri la kongreso. La 31.7.47, s-ro A. Baur aranĝis paroladeton-intervuon perradie por priparoli la ekskurson al « Jungfraŭjoch » (3450 m.). Partoprenis 5 diverslandaj samideanoj, inter kiuj ankaŭ mi troviĝis kiel marokano.

Mi interkonatiĝis kun multaj eminentaj samideanoj kaj kun la bofilino de nia majstro.

Multaj estis tiuj, kiuj demandis min tute speciale pri vi komisiante al mi transdoni al vi iliajn sincerajn salutojn. Cetere tio okazadis ne nur en Berno, sed ankaŭ en ĉiuj urboj, kiun, mi trapasis.

Ci-tie en « Château de Belmont », apud Marsilio, okazis E.-Seminario, organizita de G.E.E. depost 25 aŭg.-14 sept. Tiu restadejo dependas de « Centre d'Education Populaire et des Mouvements de Jeunesse ». Estas por la unua fojo, ke okazis tiu « Ecole Normale d'Esperanto » kies celo estas : eduki kaj « fari » E. profesorojn.

25 gesamideanoj-instruistoj unua-kaj duagradaj, el ĉiuj francaj departementoj partoprenis ĝin. La restado estis gvidita de G. EE.

Prelegoj pri gramatiko, historio, Literaturo de Esp., lecionoj gviditaj laŭvice de ĉiu el ni por la lernantoj de la ĉi-tiea lernejo, E.-horoj, konversacioj, ekskursoj-jen la programo de tiu unua E.-seminario.

Je la fino de nia kurso okazis festeto teatraĵoj, skeĉoj, kantoj, dancoj a., Al tiu festo partoprenis ankaŭ ne-esperantistoj.

Oni okazigis E.-ekzamenojn. La pli multaj el ni submetis sin al atesto pri kapableco. Kelkaj, kiuj sufiĉe estis lertaj sed ne havis ĝis nun okazon submeti sin al ekzameno, faris A.p.L. (Ateston pri lernado) aliaj trapasis S.A. pri L.

Komprenebl̈e amaso da fotografaĵoj estis farita dum tiu periodo, ĉi-ĉion, mi prezentos al vi post mia alveno al Casa.

Mi volas aldoni, ke dum miaj renkontiĝoj kun samideanoj, ĉie estis okazo paroli pri nia AFRIKA REVUO (ĉar multaj el partoprenantoj de U.K. kaj Seminario, estas abonantoj de A. R.). Estis multaj, kiuj decidis ekaboni nian revuon. Mi montris la lastan numeron, kiu estas vere « afrika », ĉar ĝi prinaktas lokajn temojn.

Mi plezure aldonas, ke ĉiuj, kun kiuj mi parolis, estis mirigitaj, ke mi esperantiĝis nur en 1943 j. Sed al kiu mi ŝuldas mian lertecon, mi ne bezonas mencii ; ĉar ja nur al tiu, kiu per instruado, kiun. Si min donis de unua kaj duagrada kurso, per konstanta korespondado kun ŝi, per konsiloj ktp... obligis al mi tion ; unuvorte al Vi. Mi. nun estas kontenta fine tion eldiri.

Esperannte, ke vi faritas bone, mi salutas vin plejsamideane.

B. S. OHANA.

# LAILATU LKADR

*DUDEKSEPA NOKTO DE RAMADAN*

*Antaŭ unu monato la islama mondo festis unu el pli grandaj festoj RAMADAN. Pri Ramadan ni skribos apartan longan artikolon en la venonta numero de A. R. Hodiaŭ mi volas skribi pri dudeksepa nokto de Ramadan, kiun oni nomas « nokto de destino ». Antaŭ 1376 jarojn, la profeto Mahomed ekkonis la unuan ĉapitron de Korano ; dek jaroj antaŭ la Hegiro, pere de anĝelo Gabriel, la profeto ekscitis la unuajn parolojn de Allah.*

*Depost plej fruaj matenaj horoj, en ĉiuj urboj kaj en la maroka kamparo, la virinoj forlasas iliajn domojn por direktiĝi al tombejoj, por viziti la tombojn de iliaj parencoj ; oni povas kompari tiun tagon kun kristana festo « de ĉiuj sanktuloj ».*

*Antaŭ la pordego de blanka tombejo, blinduloj, orfoj, kripluloj kaj almozuloj, superŝutas la vizitantoj per mil benoj kutimaj dum moneretoj enŝoviĝas en iliajn manojn etenditajn. Sur la tomboj, la virinoj enfirmigas la branĉojn erikajn, kiujn ili aspergas per akvo kaj henna.*

*En « suk »-oj (vendo-placo), la tabloj ŝarĝitaj de « ĥbakia » (mielaj kukoj) allogas multnombran klientaron. En « kisaria » (vendejoj) la komerco floras. Ciu aĉetas, laŭ mono kiun li posedas ; indiĝenaj ŝuoj, djelaba (indiĝena mantelo), robo, fulardo... La ŝparita mono de kelkaj monatoj de aĉetanto malaperigas en « ŝukara » (monsako) de komercisto.*

*Grandaj stratoj kaj stratetoj estas plenigitaj de amasoj da homoj. Ciuj babilas diskutas kaj salutas sin ĝentile. « Salem Alaikum » kaj la deziroj de bona festo, de ĝoja tago, interkruciĝas, kovrante la bruon de vendoplaco.*

*En hejmoj, post la manĝo de kutima « harira » (supo kun faboj) jen « meŝui » (speciala manĝo) kokidoj rostitaj. « kuskus » (nacia manĝaĵo) farita el gruo, plezurigas tiujn, kiuj povas tion oferi. Poste oni vizitas siajn parencojn kaj amikojn. Cirkaŭ la telerego kun kukoj kaj teo kun mento oni kuniĝas kaj daŭrigas interparoladojn ĝis la momento, kiam oni devas foriri al la moskeo. Oni iras per grupetoj, tra la stratoj de medina (indiĝena kvartalo) treege abundege lumigitaj.*

*Sub la larĝaj arkaĵoj de sankta loko, fideluloj aŭskultas la tremigan voĉon de « fki » kaj sonoran eĉ sonoregan voĉon de « taleb » (studanto). Tuta nokto pasas en preĝoj kaj meditado.*

*Tiu nokto de destino, estas plej bele pasigita en Fez. Marrakech estas fama pro bele festita « Aŝur » (festo kiun oni povas kompari al Kristnasko de kristanoj). Meknes allogas la pli grandan nombron de fideluloj por « Mulud-festo ». « Aid el Kebir » estas plej bele festita en TAFILLALET.*

*En tiu tago de « Lailatu Lkadr » oni konscias, ke Ramadan jam agornizas. La fasto daŭros ankoraŭ kelkajn nur tagojn, ĝis la apero de nova luno. Poste la islamanoj rekomencos sian ĉiutagan vivadon laŭ sezonoj por « felah » (kamparano) laŭ ĉiutaga ritmo por urbanoj.*

Irfi.

---

# RADIO

*La hungaro radio la 18-an de julio 1947, disaŭdigis sekvantan frazon dum hungarlingvaj sciigoj :*

*« La Hungara radio amplene salutas en Casablanca aperantan Esperanto-revuon : AFRIKA REVUO ! La hungara radio kun danko kvitancas, ke la AFRIKA REVUO alvokis la atenton de siaj legantoj al la E.-lingva servo de la h.-radio ».*

---

# PENSOJ

*Senkontraŭdire, la homara evoluado jam ne finiĝis. Kiel la fluant-a akvo de rivero, ĝi do havas ĉefan direkton, ĉu ĝi ne direktas al ĥaoso ? Ja, vere, sed nur ŝajne. La ĥaosa detruado iam aperas necesa, por forpeli tion, kio kontraŭstaras la nevenkeblan evoluon. La direkto de la homara disvolviĝo kuras laŭ la agrabla, daŭronta movado. Kiam la homoj ekkonas ĉi tiun direkcion, ĝi tuj fariĝas homara celo. Kial ? Tial, ke la sciulo ekkomprenas, ke la vivado laŭ la naturaj tendencoj de ŝanĝado nepre alportos al li kiel eble la plej sukcesan ekziston.*

Jungren Gusten.

*Homo, kiu ne konscias celon de la vivo ; estas nek fiŝo, nek birdo, nek kandelo lumanta, nek bastono timiganta.*

N.V. GOGOL

# FOR LA INERTECO... !

Inter la malamikoj de la homaro la « inerteco » certe konsistigas nian plej danĝeran malamikon. Homoj, kiuj estas atakataj de tiu terura malsano, ne plu partoprenas la pli malpli sendankan laboron por realigi siajn idealojn aŭ prosperigi iun movadon. Kion ni faru ekzemple por resanigi la grandan nombron da esperantistoj, kiuj entuziasme batalis por nia lingvo en la malnova bona tempo ?

En la periodoj dum elektoj ni ofte aŭdas la vorton « Sofkuŝantoj ». Bedaŭrinde tiu kategorio de homoj eĉ ne mankas en la esperantistaj rondoj, sed grand-nombre estas reprezentata ! Per la aktiveco de la « sofkuŝantoj » ne eblas konstrui nek pli bonan socion, nek pli fortan esp-movadon ! 'Dank' al la sindona laboro de malgranda nombro da aktivuloj la intereso por la lingvo estas relative granda en nia lando, sed tre malproksimas de la fina venko al kiu ni celas... ! Pro la inerteco, kiun tiom multaj el niaj anoj montraŝ al la tuta esp-laboro ni ne povas noti tian rapidan marŝon al la forta pozicio, kiun nia movado posedu post tiom da jaroj da sinofera laborado flanke de la pioniroj.

La malrapida venko de la lingvo ne dependas de la publiko, sed de la pasiveco de ni men ! Ni ne sufiĉe energie laboris por veki ilian intereson ! Sendube troviĝas multaj esperantistoj, kiuj modele kaj aktive dediĉas grandan parton de sia libera tempo al la laboro por disvastigi la lingvon, sed malfeliĉe la nombro da aktivuloj ne superas la nombron da inertuloj... La laboro de la kluboj do ĝenerale estas prizorgata de unuopaj membroj, kiuj certe faras sian plejbonon, sed tamen ne atingas la rezulton, kiun ili deziras. Kion fari por ŝanĝi tiun staton ? Cu ne eblas dividi la komisiojn ? Certe tio estas ebla, kaj ĝuste tiun vojon ni sekvu en la estonteco. Ni dividu kaj la agrablajn kaj la malagrablajn komisiojn ! Ni elpensu konvenajn labortaskojn al ĉiuj anoj, kiuj vere sentu, ke ilia ĉeesto kaj laboro estas taksata kaj necesa por antaŭenigi ne nur la klubojn, sed ankaŭ la tutan esp-movadon !

En esperantistaj rondoj ni multe parolas pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn, sed kiom el ni vere faras ion por realigi tiun planon ? Kaj kion ni faras por pruvi al la homoj, ke Esperanto estas la plej taŭga rimedo por kontentige solvi la mondlingvan problemon ? Cu ni en la praktiko montras al la publiko, ke ni men kapablas perfekte kaj flue paroli ĝin ? Cu ni cetere ne malzorgas multajn okazojn por buŝe ekzerci la lingvon ?

Kiel ni ekzemple agas dum la renkontiĝoj en kongresoj kaj konferencoj ? Cu ne la plimulto de la kongresanoj preferas paroli en la nacia lingvo ? Cu la ĉeesto en tiaj kongresoj donas la entuziasmon, kiun ni atendas trovi en tia ejo ? Kompreneble inter la kongresantoj troviĝas esperantistoj, kiuj estas « veraj » komencantoj, sed troviĝas cetere multaj esperantistoj, kiuj certe kapablas lerte manipuli la lingvon kaj tamen ili uzas la svedan lingvon !

Vekiĝinte el la inerteco, kiu nun regas en multaj grupoj ni do antaŭ ĉio klopodu liberiĝi el la kategorio de esperantistoj, kiuj portas la ne tre honorigan titolon « eterna komencanto »... Mi rekomendas legi kelkajn el la konsiloj, kiuj troviĝas en la Praktika Lernolibro, kie ni povas legi jenon. « Paroligu ankaŭ la lernanton. Li preferos kunkanti mem ol aŭskulti vian solon. Li frue sentu sian progreson kaj la kreskon de sendependa povo. Igu lin elpensi Esperantajn frazojn jam de la unua leciono ! Instigu lin fari al vi demandojn ! Zorgu, ke la lernanto estu interesita ! Arangu korespondon alilanden kaj intergrupajn vizitojn ! »

E. Hult.
(el La Espéro).

**GENERALA KUNVENO** okazinta la 4-an de majo en la sekcio de M.E.A. en Marrakech.

La 4-an de Majo okazis en la sekcia klubejo la tria ĝenerala jarkunveno.

Ceestis ĝin preskaŭ ĉiuj lokaj geanoj (La tagordo kaj rezultato de elekto estas menciita en « Maroka Kroniko).

La moralan reporton faris la prezidanto de la sekcio. La agadon de tiu sekcio, ni priparolis en antaŭaj nu-

(Daŭrigo 98 paĝo)

# POR KOMENCANTOJ

## ABDALLAH LA SURTERA KAJ ABDALLAH LA EN-MARA

**Fabelo eltirita el mil kaj unu nokto** (daŭrigo)

Tiam Abdallah denove ĵetis la fiŝreton, atendis unu horon kaj trovis, ĝin peza. Li tiel penis por ĝin eltiri, ke ŝango gutis el liaj manoj. Kiam li surterigis la fiŝreton, li vidis en ĝi estaĵon. Li kredis, ke tio estis unu el la demonoj, kiujn nia sinjoro Salomono enfermis en kuprajn botelegojn kaj poste ĵetis en la maron. Li pensis, ke la boletego rompiĝis pro troa restado en maro, kaj ke nun la demonon kaptis lia fiŝreto. Li, do, rapidege forkuris kriante : Pardonon ! Pardonon ! ho salomona demono ! » Sed el la interno de la fiŝreto la estulo ekkriis al li « Venu ! La fiŝkaptisto ! ne forkuru de mi, mi estas homo kiel vi, liberigu min kaj mi vin rekompencos ! ».

Kiam Adballah aŭdis tiujn vortojn, lia koro trankviliĝis, li alproksimiĝis kaj diris « Ho, vi estas demono de Salomono ! ».

— Mi estas kreito kredanta je Dio kaj, lia profeto Mahometo.

— Kiu ĵetis vin en la maron ?

— Mi estas unu el la mar-homojn mi promenis ci-tie, kiam vi ĵetis vian fiŝreton sur min.Ni estas kreitoj obeantaj la diajn ordonojn kaj ni kompatas la kreitojn de Dio (Li estu laŭdata !) Se mi ne timus Dion, se mi estu ribelanto, certe mi dispecigus vian fiŝreton. Sed mi rezignacie akceptas la sorton, kiun Dio al mi destinis. Liberigu min el la fiŝreto, vi fariĝos mia estro, kaj mi via sklavo. Kaj poste ĉu vi volus malsklavigi min por plezurigi Dion, kaj vi restus mia amiko ? Ĉiutage mi alvenos al vi en ĉi tiun lokon, kaj vi alvenos al mi kun donacoj el la ter-fruktoj, ĉar vi havas vinberojn, figojn melonojn, persikojn, granatojn ktp. Ĉio, kion vi alportos al mi estos akceptata. Kaj ĉe ni troviĝas koraloj, perloj, topazoj, smeraldoj kaj aliaj multvaloraj ŝtonoj. Kaj mi plenigos por vi la korbon, en kiu vi alportos al mi fruktojn ».

La fiŝkaptisto diris « Fatiho 1) estu inter mi kaj vi pri tiuj vortoj ». 2) Tiam ili ambaŭ recitis Fatihon, kaj la fiŝkaptisto liberigis sian kaptaĵon el la reto. Diris al li la fiŝkaptisto

— « Kiel oni nomas vin ?

— « Mi nomiĝas Abdallah la en-mara. Kiam vi alvenos al tiu ĉi loko, alvoku min per mia nomo, kaj tuj mi estos apud vi ».

— Mi ankaŭ nomiĝas Abdallah sed « sur-tera ».

— « Atendu iomete ĝis mi alportos al vi donacon ».

— « Volonte ».

Kaj Abdallah la en-mara subakviĝis en la maron ».

Tiam la fiŝkaptisto pentis, ke li liberigis sian kaptaĵon el la reto kaj diris al si mem « Ĉu li revenos ? Eble li trompis min, por ke mi lin liberigu. Se mi restigus lin ĉe mi, mi povus montri lin al la homoj de la urbo, kaj tiel mi povus gajni monon kaj eniri en la domojn de grandsinjoroj ».

Li bedaŭris la liberigon de Abdallah-la-en-mara kaj li diris al si mem « Via ĉasaĵo forflugis el via manoj ».

Kaj dum li tiele ĉagreniĝis pri sia faro, jen Abdallah-la-en-mara subite eliris el la maro kun du plenmanoj da perloj, koraloj, smeraldoj kaj multvaloraj ŝtonoj kaj diris al li « Prenu, do, ho mia frato ! sed ne riproĉu min, ĉar ĉe ni ne troviĝas korbo, por ke mi ĝin plenigu ».

Ĝojis Abdallah-la-sur-tera kaj prenis de li la multvalorajn ŝtonojn. Poste Abdallah-la-en-mara diris « Venu ĉiutage en ĉi tiun lokon antaŭ la leviĝo de la suno kaj alvoku min ». Tiam li eniris maron.

La fiŝkaptisto ekiris al la urbo kaj li estis tre ĝoja. Li atingis la bakejon de la panisto kaj diris al li :

— Ho, mia frato ! bono alvenis, faru do la kalkulon ! ».

— « Ne necesas kalkulo ! Se vi havas donu, kaj se vi ne havas prenu viajn panon kaj monon kaj iru ! ».

— Ho, mia amiko ! El la Dia abundeco alvenis al mi bono, kaj mi ŝuldas al vi grandan sumon, sed prenu tion ».

Kaj li donis plenmanon da perloj, koraloj, topazoj kaj aliaj multvaloraj

# RECENZOJ

(Ni recenzas duoble ricevitajn librojn, unuoble, ni nur mencias).

ROTERDAMA URBOKORO, eldonita de la konsilejo por la rekonstruo de Roterdamo, Coolsingel 107, ROTTERDAM estas 28 paĝa broŝuro kun planoj de rekonstruo de tiu multe detruita urbo dum la milito.

KONGRESLIBRO de FLANDRA LIGO ESP. — ISTA eld. okaze de XII-a Kongreso je 24-26 majo 1947. Estas 44-paĝa belaspekta libreto ankaŭ interesa por ne-kongresanoj. Ricevebla por 2 int. respondkuponoj ĉe D-ro T. Van Gindertaelen, Leopoldstr. 95 E. Mechelen (Belgujo).

VIVO KAJ ARTO DE GOYA. De Agostinho DA SILVA, eldonis PORTUGALA ELDONA RONDO. ESTAS 24-paĝa libreto, kaj temas pri la vivo kaj verkoj de tiu fama hispano. Tiu libreto estas dua libro de la populare-scienca serio « ENKONDUKO EN KULTURON ». En la libreto oni anoncas sekvantajn kajerojn : Historio de Usono ; La Antaŭhistoria Arto ; La Budaismo ; Vivo de Nansen. Jen bela perspektivo por libroamantoj. La libreton tardukis Vergilio Mendes. prezo : 17 fr. mendebla ĉe nia libro-servo.

if.

APERIS dua kajero de « FEUILLETS ENCYCLOPEDIQUES de DOCUMENTATION ESPERANTISTES. Eldonas L. Perret, 106, Cours Docteur-Long LYON, Francujo. Petu specialajn condiĉojn por grupoj kaj E.-Societoj.

NOVAJ ESPERANTO - HISTORIETOJ de diversaj aŭtoroj, eldonis : Dansk Esperanto-Forlag. Kontrolita de la LITERATURA KOMITATO. La celo de tiu 72-paĝa libro estas doni al kluboj, kursoj kaj studrondojmaterialon por parola ekzercado, kaj doni al novaj E-istoj facilan legajon. Ni ne trovis preserarojn kaj varme rekomendas tiun bonegan kaj interesan libron al ĉiuj novuloj en Esperantujo. La mallongaj historietoj estas tre ofte spritaj kaj aliaj pli ŝeriozaj. La nova libro estas havebla ĉe nia libroservo.

if.

ARBOJ DE LA ARBARO KAJ KAMPO de Frank Booth kun ilustrajoj de Edith R. Turlington. Eldonis The Esperanto Publishing. CO. Ltd. 28-paĝa. La tradukinto skribas, ke tiu libreto helpos al pli granda familiareco kun arboj kiuj ŝirmas kaj nutras la peltajn kaj plumajn estajojn kaj provizas la saltantajn flamojn ĉirkaŭ kiuj oni kolektiĝas kiam en Anglujo la strigoj komencas sian noktan kriadon ». La libreto prezentas ion novan en nia tradukita literaturaĵo, kaj certe interesos multajn, kiuj ŝatas la naturon. Prezo 7 respondkupoonoj Mendebla ĉe la libroservo.

if.

LA NEVENKEBLA GENO, momentoj de tualeta mizera, de Theo Thijssen, el nederlanda lingvo tradukis F. Faŭlhaber, eldonis Asocio de Lab. Esperantistoj F. L. E. 319-paĝa. Prezo 4 ned. guld. 90 c. havebla ĉe nia libroservo. La aŭtoro de tiu verko estis esperantisto, parlamentano kaj konata instruisto. Li estas aŭtoro de multaj libroj kiuj aperis en nederlanda lingvo. LA NEVENKEBLA GENO temas pri la ĉiutaga ĝeno de neriĉulo depost lia plej frua infanaĝo ĝis lia pensiigo. Theo Thijssen mortis en 1943a. Li estis membra de F.L.E. Per la eldoño de lia verko, F.L.E. deziris honori lian memoron kaj danki lin por ĉio, kion li faris por Esperanto.

if.

PROSPEKTO POR FILATELISTOJ eldonis « Tramondo ». Gi estas 4-paĝa prospekto en kiu ni trovas la bildojn de 28 PM poŝtmarkoj de Aŭstrujo, kun klarigoj en germana, franca, angla, rusa kaj Esperanto. Unu folio : 1 respondkuponon ĉe : Tramondo : Vieno 1, Neutorg 9.

TUTMONDA ADRESARO de la ESPERANISTOJ eldonis I.E.M. 1947 Bedaŭriade, ni trovis ekzemple en rubriko MAROKO, multajn adresojn, kiuj ne plu estas aktualaj eĉ multaj el tiuj samideanoj ne loĝas plu en Maroko. Krome la nomoj estas ŝanĝigaj, kio certe ĉagrenigos la portantoj de tiuj nomoj. Oni citas mem nomon de persono, kiu ne plu estas esperantisto depost 1944. Unu samideano estas citita en du urboj samtempe ! kaj aliaj similaj eraroj (daŭrigo 98 paĝo).

CK.

(daŭrigo el 97 paĝo)

HISTORIO DE USONO de Agostino de Silva el la portugala tradukis M. de Freitas.

La Portugala Eldona Rondo prezentas sian trian kajeron de popularscienca kolekto, konsistanta el ses kajeroj. Tiu libreto enhavas 28 paĝojn, (17×12 cm) ; en klara lingvo kontrolita de Literatura Komitato, kio garantias bonan stilon kaj gramatike senriproĉan tradukajon. Ĝi bonege taŭgas por daŭrigaj kursoj kaj klub.-kunvenoj. La papero estas bona, la prezo 17 fr. fr. aĉetebla ĉe nia libro-servo. if.

ESPERANTO 60-JARA, Skizo pri la evoluo de la lingvo literatura, de G. J. Degenkamp. Eldonis : Libro-servo FLE. Nederlando. 58 paĝoj ; 25×16 cm. Prezo : 1.75 ned. guld. kontrolita de La Literatura Komitato. Kun du specimenaj tekstoj « Neĝa Blovado » de Puŝkin kaj « Cezaro » de Jelušić. Estas jubilea eldono okaze de 60-jara ekzisto de Esperanto, en kiu la aŭtoro pritraktas la evoluon de Esperanto, en ĝiaj diversaj epokoj, mencias la ecojn karakterizajn de diversaj Esperanto-aŭtoroj kaj iliaj verkoj.

S.R.

---

POR KOMENCANTOJ. (Daŭrigo el 96 paĝo)

ŝtonoj. Tiu plenmano estis la duono de tio, kion li havis. Kaj li diris al la panisto : « Donu al mi kelkajn monerojn por mia hodiaŭa elspezo, ĝis mi povos vendi tiujn perlojn »:

Tre ĝojis la panisto kaj donis al la fiŝkaptisto, kion li petis kaj diris al li : « Mi estas via servisto kaj skavo ». Kaj iris post lin ĝis lia domo. Kiam la fiŝkaptisto alvenis, li donis la panon al la edzino kaj infanoj, poste li iris al la vendejo kaj revenis kun viando, legomoj kaj ĉiuspecaj fruktoj.

La panisto forlasis sian panbakejon kaj pasigis la tutan tagon kun Abdallah-la-sur-tera, fervore servante lin. La fiŝkaptisto diris al li : « Ho, mia frato ! vi multe lacigas vin ».

Respondis la panisto : « Tio estas deviga al mi, ĉar mi fariĝis via servisto, kaj vi jam superŝutis min per viaj bonfaroj ».

Diris al li la panisto : « Vi jam grandanime kondutis kontraŭ mi, kiam premegis min la mizero ».

Kaj ili ambaŭ pasigis tiun tutan nokton regalante sin per bonegaj manĝajoj

daŭrigota).

---

(daŭrigo 95 paĝo)

meroj de A. R. S-ro Ohayon, la kasisto, prezentis la financan raporton, kaj turnis la atenton de la ĉeestanton, ke la deficito de la lasta jaro estas jam forigita kaj ke la sekcio posedas je sia bonhavo, la sumon de 1.377,50 fr.

Post komuna fotografiĝo, la ge-anoj gaje disiĝis. B.S. Ohana.

ARABAJ POPOL-DIVENOTAJOJ
kompilis : L.A.

1. *Du reĝoj* sur tapiŝo,
Unu havas aemron,
La alia nenion.
2. Ĝi ŝvebas kaj ŝvebas,
Ĝi super la tero flugas,
Ĝi ne eliris el ovo,
kaj ĝi ne havas petrinon.
3. Ili manĝajojn havigas,
Sed ilin oni ne manĝas.
4. Kiam ĝi naskiĝas, ĝi malpuriĝas [la teron,
Kiam ĝi kreskas, ĝi fendas la teron,
Kiam ĝi mortas, ĝi tretas la teron.
5. Belulo, filo de belulo,
Ĝi famiĝas tra la tuta mondo,
Ĝi eliras el kvar aŭ el du.
6. Gia barbo estas sur ĝis nuko.
7. Kvar bruas, kaj du svingiĝas en la [aero,
Ĝi havas bastonon por forpeli la [muŝojn de antaŭ sia butiko.
8. Ĝi estas ŝtono, kiu rampas, kaj ĝi [ne estas ŝtono,
Ĝi havas kvar piedojn, sed ne es- [tas ŝafino,
Si demetas ovojn, sed ne estas ko- [kino.
9. Ĉi tiuj alvokis tiujn, kaj tiuj al ili [respondis
Sed ĉi tiuj ne iris al tiuj, kaj tiuj [ne venis al ĉi tiuj.

(La solvojon, bv. trovi sekvanta numero).

# NI DISTRU NIN !

ENIGMOKONKURSO N° II

STATO DE LA KONKURSO, post solvo de 4-a Enigmo :

S-roj Brunet, Ohana, Delgado, kaj F-ino Leal po, 9 poentoj.

S-roj Garcia, Davis, Stotz, Ciperova S-ro Menou, po, 7 poentoj.

S-roj Bahi k. F-ino Kes po, 4 poentoj.

S-ro Gonzalez, 3 poentoj.

S-roj Bachofner, Ruffier, po, 2 poentoj.

S-roj Chamont, Kesner, Eliasson, Buenhis kaj Sjüblom po, 1 poentoj.

---

La rezultaton de la konkurso, ni publikigos en venonta numero kaj samtempe dissendos la premiojn al la gajnintoj.

---

SOLVO de enigmo N° 4.

Kandelo ; amoro ; pakajo; ursino, ĉapelo ; orelo mantelo ; ovalo ; najbaro ; armeo ; ĥimero ; ornamo ; negrulo ; numero ; enketo ; fadeno ; arbeto ; radio ; anĝelo ; sireno.

Tutaĵo : « KAPUCO MONAKON NE FARAS ».

---

III ENIGMOKONKURSO.

Ni malfermas trian enigmokonkurson, kies kondiĉojn, ni prezentos en la venonta numero.

ENIGMO N° I, sendis G. Meson



Metu po unu literon en ĉiun kvadraton, tiel ke oni povu legi samajn 4 vortojn de supre malsupren kaj de maldekstre, dekstren.

La 4 vortoj signifas :

1. Ordi, forigi malpurajon,
2. Nevideblaĵo, kiu vivigas,
3. Fadensimila streko,
4. Karulo.

Ĉiuj vortoj estas kun apostrofoj. Pro solvo de tiu enigmo, ni kalkulas 6 poentoj.

2 Enigmo

| St. Mloble | K. Romeo Cist. | K. Renole |
|---|---|---|

Kian metion posedas tiuj sinjoroj ?

Por la solvo de tiu enigmo, ni kalkulas 3 poentojn.

La solvon vi povas sendi, ĝis 30 novembro 1947.

---

DEZIRAS KORESPONDI per PI. kaj L. kol. S-ro M. Busquet, 31, rue de Beauvais, AMIENS (Somme) Francujo.

.. .. .. .. .. .. .. .. .. .. .. .

S-ro L. Van den Briele, 18, rue Verte BELGUJO. BOEZINGE (lez Ypres) Flandre Occidentale) dez. kor. interŝ. PM. kaj PI. kol. 17-jara.

---

**RIDU !**

BONA KONSILO.

Kliento en restoracio : Mi ŝatus bonegajn manĝaĵojn ; kion do vi proponas al mi ?

KELNERO : ke vi elektu alian restoracion.

---

Iam vilaĝano promenanta tra urba ĝardeno, renkontis fotografon kaj akceptis ĵian servon.

*Fotografo* : Kiun lokon vi elektas por fotografi vin ?

*Vilaĝano :* Malantaŭ tiu arbo.

*Fotografo* : Sed, tio ne estas taŭga.

*Vilaĝano :* Kial ne ? Mi aperos kiam mia edzino sin montros, kaj timigos ŝin.

Sendis : del Souza.

Publikigo de anonceto pri korespondo, kostas 3 internaciajn poŝtajn respondkuponojn, por du-linia anonceto, ĉiu plia linio : 1 int. respondkuponon. POR ABONANTOJ LA PUBLIKIGO DE LA ANONCETO PRI KORESPONDO ESTAS SENPAGA.

# KORESPONDU !

MALLONGIGOJ dez. : deziras ; F-ino Fraŭlino ; interŝ. interŝanĝas ; kĉl. : kun ĉiuj landoj ; pĉt : pri ĉiuj temoj ; PI. poŝtkartoj ilustritaj ; L. leteroj ; PM. poŝtmarkoj ; S-ino : sinjorino ; s-ro : sinjoro ; prof. : profesoro D-ro Doktoro, s-ano samideano ; k. AF. kun Afrikanoj ; kor. . korespondi gaz. gazetojn. bfl bildflanke.

---

Skribante al iu el subaj adresoj, ne forgesu mencii al via korespondanto, ke lian anoncon, vi trovis en AFRIKA REVUO.

---

ANGOLA. S-ro Jorge Antonio Medeiroŝ, NOVA BISBOA, AFRIKO, filatelisto, 16-jara komercisto dez. kor.

AUSTRALIO S-ro Norah J.O. Foster, Aboriginal Station, Walgett, N.S.W. Dez. kor. kun AF.

BRAZILO. S-ro Humberto EGYpto de Gergrueira, Rua Pires do Rio 289 (Mooca) ZUIZ DE FORA, filatelisto dez. kor. kaj interŝ. PM.

BULGARIO. 1) S-ro T. Aslanjan, str. « Sv. Kl. Ohridski » 5, BURGAS, dez. korekaj interŝ. PM.IP.L. kaj gaz:

2) S-ro Georĝi Hristov Marinŝki. V. Kalen Vratcansko, dez kor.

FINNLANDO. Novaj Nomoj ! Originalaj kaj Universalaj por ĉio kaj ĉiuj. En Esperantujo ĉiam brilas la suno ! Toleru trikotnovajon pri radio « ojo » Koŝtumo. Informojn pri ambaŭ ĉe C. Eronen, KERKKOO.

1) FRANCUJO. S-ro J.M. Nicloux, 113 rue de Boutillerie. AMIENS (Somme). 15-jara lernanto, dez, interŝ. PM.

2) S-ro Gaston Plouard, Préfecture, CHAUMONT (Haute-Marne), interŝ. belegajn fotografajojn. PI. bfl. afrankitajn per novaj PM. Serĉas militfotojn. Nepre respondos.

GERMANUJO. 1) Koresponda Servo de erm. Esp. A Asocio, Ffm. — Höchts, Levrkuserstr. 16. peras korespondon inter germanoj kaj alilandanoj.

2) 44 jara germano, perfekta Esperantisto depost 1920 j. dez. kor. S-ro Friedrich Hahn, BREMEN, Beginenland 20.

3) S-ro Gerhard Ziegler, stud. jur. BREMEN, Stolberger str. 13, U.S. Zone. dez. kor.

4) S-ro A. H. de Marich, artmetiisto, 13B REIT IM WINKL, Postfach, Oberbayern, dez. kor.

5) S-ro Fritz Steinchulte, 13B ROSENHEIM-Obb. Asternweg 3, U. Se Zone, 57-jara ko-mercisto, multjara persekutito de nazi-reĝimo en Dachau koncentrejo, ktp. ktp. peteas diversajn esperantaĵojn por sia E. prop.

6) S-ro Johs. Schweuzer (13a) Regensburg, U. S. Zone, Glockengrasse 7/11, dez. kor ; kaj ricevi propagandajojn por siaj gelernant.

7) S-ro Eŭgen Denter, BERLIN, Reiiekendorf-Ost, Kühleweinstr. 32, dez. kor. kĉl. je kulturaj, literaturaj kaj aliaj progresaj temoj.

HUNGARUJO. 1) S-ro Patai Peter. PESTSZENTLORINC, Korpona No 50 dudeksepjara fraŭlo, tramkonduktoro, dez. kor.

2) S-ro Ferenc Kocsis, Arva u. 1. SZEGZD, skolto, dez. kor. kun PM — kolektantoj.

IRLANDO. S-ro J. Berger, 16 Shanki 11 St., LURGAN, Co. Armagn. N. Irlandez. kor. kun Marokan (in) o, estas juna makleristo kaj profesoro ĉe Brita Kolegio pri modernaj lingvoj kaj komerco.

JAPANUJO. Korespondanton havigos al vi : Japana Esperanto-Instituto, HONGOMOTONATI, TOKIO (estas nun permesata korespondi, sed nur per poŝtkarto.

NEDERLANDO. S-ro Joh. Masker, Zuiderdiep 43 a. ARONINGEN, dez. kor. kaj interŝ PM. cent kontraŭ cent.

NORVEGUJO. S-ro F. Matz, SPRO, dez. kor. kun naturamiko ka muzikamanto kaj literaturamiko.

SVISUJO. S-ro Graf Henri, Rönnemoos 189 ; LITTAU/Lu. 21-jara mekanisto, komencanto, dez. interŝ. PI. PM. kaj L.

1) U R. S. S. S-ro Anatol Syromjatnikov, LENINGRAD 14, Vosstania-str. d. 53 k. 25, dez. interŝ. PM. (skribu antaŭ ol sendi).

2) S-ro J. I. Aksel, LENINGRAD, Petrogradstorona, Bloĥina-str. d. 2/77 k. 21 kiel supre.

URUGUAY S-ro Karlo M. Fossati, Galicia 1125 ; MONTEVIDEO dez. interŝ. PM. kvanton kontraŭ kvanto.

AUSTRIUJO. D-ro Martin, Salveumoser Kirchbichl ; Tirol, dez. interŝ. bildkartojn kontraŭ PM..

DANUJO. S-ro Axel Hattens Gudmandsen, Dannebrogsgade 52.

A. Sv. KOBENHAVN V. dez. kor. pĉt. estas 31-jara amatora magiisto.

GERMANUJO. S-ro Günther Rieckhoff (24 a) GEESTHACHT, Dünebergerstr. 11, 18-jara ; dez. kor pĉt.

BRAZILO. F-ino Nelly de Sousa Netto ; Av. Atlantica 784 ap. 2-Copacabanc RIO DE JANEIRO Distrito Federal dez. kor kun marokanoj, pri literaturo, muziko, kaj E.-movado. Dez. interŝ. revuojn PI. PM.

ĈEKOSLOVAKUJO. S-ro Joe Motliĉek, Drahotuŝe 57, dez. kor. per L. IP. estas filaetelisto 33-jara kaj restaŭraciestro.

---

Langres. — Imp. Moderne
4e trimestre 1947